


# JARRAPORTO de ESPÉRANTO-FRANCE 2014–2015

## Enhavo:



# Enkonduko

Ĉi-jare denove ni proponas al vi nian Jaran Raporton, prezentitan kaj ordigitan laŭ la strukturo de la laborplano de la estraro de UEA, tio estas laŭ la 4 K: Konsciigo, Kapabligo, Komunumo kaj Kunordigado.

Se vi havas demandojn, vi povas fari ilin dum la Ĝenerala Asembleo okazonta en Marsejlo la 7an de majo matene aŭ skribi al estraro@esperanto-france.org.

Grandan dankon al ĉiuj estraranoj kaj komisiitoj, kiuj kontribuis al la kompilado de la Jara Raporto: Michèle Abada-Simon, Susanna Beglaryan, Katja Boen, Pierre Bouvier, Jeanne-Marie Cash, Michel Dechy, Rémi Deneu, Xavier Dewidehem, Josette Ducloyer, Didier Janot, Aleks Kadar, Roberto Kueny, Christian Lavarenne, Didier Loison, Edmond Ludwig, Flora Markov, Vinko Markov, Yves Nicolas, Claude Nourmont, Philippe Pellicier, Martine Ragonnet, Axel Rousseau, Bert Schumann, Pascal Vilain, Quentin Weber-Saban.

Apartan dankon al niaj sekretarioj, Raymonde Coquisart kaj Sylvain Barrier, kiuj multe laboris por ĝi, kaj al niaj kasistoj, Anne-Emilie Ravache kaj Julia Hédoux, kiuj baraktadis pri la financa raporto. Dankon al la kontrolleginto kaj enpaĝiginto, t.e. Emmanuelle Richard.

Agrablan legadon deziras al vi,

la estraro de Espéranto-France.

---

# 1. Konsciigo



## 1.1. Preleg-vojaĝoj

### Prelegvojaĝoj dum la periodo januaro 2015 – decembro 2015

Okazis 3 turneoj. Nome :

- Zhang Fude, el Ĉinio.

  Zhang Fude, el Lanzhou, vizitis 14 klubojn. Ĉeestis proksimume 220 personoj kaj li vizitis 4 klasojn. Li pritraktis du temojn: historio de sia kristana familio dum la japana okupado kaj sub la komunista reĝimo; trijara deviga laboro dum la Kultura Revolucio. Li ankaŭ prelegvojaĝis en Germanio kaj partoprenis Ekumenan Kongreson en Strasburgo.

- Aleksandro Melnikov, el Rusio.

  Aleksandro Melnikov prelegvojaĝis je la dua fojo. Li vizitis 17 klubojn, kiuj entute akceptis 320 homojn. Aleksandro ĉefe donis sian opinion pri la rusa-ukraina krizo kaj kelkfoje prezentis sian urbon Rostov-ĉe-Dono.

- Svetlana kaj Firdaŭs Ŝukurov, el Taĝikio.

  Svetlana kaj Firdaŭs Ŝukurov prelegvojaĝis por la dua fojo. Ili vizitis 7 klubojn kaj renkontis 160 homojn dum publikaj kunvenoj kie ili pritraktis historion kaj nunecon de sia lando.

Proksimume 700 homoj ĉeestis publikan kunvenon kaj kelkfoje ankaŭ okazis vizitoj en lernejoj. Bedaŭrinde, tro malofte aperis raportoj en la gazetaro. Kelkaj kluboj sukcesis kunlabori kun fakaj asocioj (*Les Amis du Monde Diplomatique*, *Centre International de Recherche sur l'Anarchisme*, …).

Akceptis du prelegantojn la jenaj kluboj: Bourges, Clermont-Ferrand, Angers, Hérouville, Romans, Châteauroux, La Ciotat, Dijon;

kaj unu la jenaj: Béziers, Périgord, Vendée, Lannion, Normandie (Bricquebec, Le Havre, Jullouville), Lyon, Nîmes, Tours, Grenoble, Ariège, Rennes, Saint-Brieuc, Belgique, Amiens, Paris, Grésillon, Limousin (Limoges, Brive, Tulle), Pyrénées Atlantiques.

*Raportas Yves Nicolas*

## 1.2. Gazetara Komunikado

La Gazetara Komunikado iomete kreskis kompare al la antaŭa jaro. En 2015 estis dissenditaj 18 komunikoj, kontraŭ 15 en 2014, el kiuj 8 pri la UK Lille2015. Vidu ĉi-sube liston de tiuj komunikoj kaj kelkaj el ties rezultoj.

Listo de gazetaraj komunikoj dum la periodo 2014-2015: http://esperanto-france.org/communiques-de-presse-2015

Listigo (esperanto-tradukoj de la franclingvaj titoloj):

| Dato | Titolo | Ligilo |
|---|---|---|
| 8an de decembro 2015 | 15a de decembro: Tago de la libro en esperanto | Ligilo |
| 6an de novembro 2015 | Mundolingua: Ceremonio honore al la poliglotо Georges Kersaudy | Ligilo |
| 14an de oktobro 2015 | Francujo honorita dum la 5a mondfestivalo pri pupoj | Ligilo |
| 24an de septembro 2015 | Esperanto ĉeestas dum la Eŭropa lingvotago | Ligilo |
| 26an de aŭgusto 2015 | Lille 2015: kreskanta sukceso por esperanto | Ligilo |
| 27an de julio 2015 | Lille 2015: internacia piedpilka renkonto la 31an de julio 2015 (je la 17a) | Ligilo |
| 21an de julio 2015 | Lille 2015: diservo kaj ekumena servo (25an kaj 26an de julio 2015) | Ligilo |
| 18an de julio 2015 | Lille 2015: gazetara konferenco de la 23a de julio 2015 (je la 10a30) | Ligilo |
| 25an de junio 2015 | Lille 2015: pli ol 2400 aliĝintoj el 82 landoj, unu monato antaŭ la 100a universala kongreso | Ligilo |
| 27an de majo 2015 | Tutmonda sesio por esperanto-ekzamenoj samtempe en 12 urboj el 7 landoj | Ligilo |
| 18an de majo 2015 | La esperantoparolantoj partoprenas la omaĝon al Jean Zay | Ligilo |

| | | |
|---|---|---|
| 11an de majo 2015 | Tutmonda prelego pri la instruo de esperanto | Ligilo |
| 27an de aprilo 2015 | Lille 2015: preparado de la 100a UK | Ligilo |
| 17an de marto 2015 | Lille 2015: pli ol 2000 aliĝintoj al la 100a UK | Ligilo |
| 6an de marto 2015 | KoToPo, internacia kultura centro de Liono, festas siajn 18 jarojn | Ligilo |
| 18an de februaro 2015 | 21a de februaro: Internacia tago pri la gepatra lingvo | Ligilo |
| 9an de februaro 2015 | Lille 2015: preparado de la 100a UK | Ligilo |
| 4an de februaro 2015 | Expolangues 2015, Esperanto estas la plej facila lingvo | Ligilo |

Vidu la plenan liston de artikoloj aperintaj en 2015 en landaj, regionaj kaj lokaj gazetoj en la retejo de Espéranto-France : http://esperanto-france.org/articles-publies-dans-la-presse-en-2015

## Radio-elsendoj

Jen kelkaj radiaj elsendoj okazintaj en 2015:

| Dato | Radiokanalo | Elsendo / enhavo | Ligilo |
|---|---|---|---|
| Ĉiun merkredon | CFM | Elsendo far andré Andrieu okazas merkrede je la 21a kaj reaŭskulteblas dimanĉe je la 12a. | Ligilo |
| 15an-19an de junio 2015 | France-Inter | *Un Temps de Pauchon*<br>5 raportaĵoj pri Esperanto dum la ekzamensesio | Ligilo |
| 18an de marto 2015 | Le Mouv' | *Mouv' 2020 : En 2020, la fin de la barrière de la langue ?*<br>Telefona interveno de la prezidanto de JEFO (dum la semajno pri la franca) | Ligilo |
| 8an de februaro 2015 | France-Culture | *Les Nuits de France-Culture*<br>Reelsendo de Esperanto-kurso | Ligilo |

Pli da detaloj troviĝas ĉe: http://esperanto-france.org/emissions-radio

## Televid-elsendoj

Pli da televidaj elsendoj okazis en 2015, precipe dank' al la 100a UK de Lille:

| Dato | Televidkanalo | Enhavo | Ligilo |
|---|---|---|---|
| 28an de julio 2015 | France 3 Nord Pas-de-Calais | Raportaĵo pri la 100a UK dum la vespera televida gazeto | Ligilo |



| | | | |
|---|---|---|---|
| 26an de julio 2015 | RTL Belgique | Raportaĵo pri la 100a UK | Ligilo |
| 26an de julio 2015 | RTBF | Tuja raportaĵo en la Lilla Kongresejo dum la meztaga kaj la vespera televidaj gazetoj | Ligilo Ligilo |
| 23an de julio 2015 | Grand Lille TV | Raportaĵo “Esperanto honorita en Lille” (dum UK). | Ligilo |
| 6an de junio 2015 | Arte | Elsendo Yourope, “Kiu estos la morgaŭa lingvo?”, raportaĵo en Belgujo pri la Verdaj Skoltoj | Ligilo |
| 18an de majo 2015 | Grand Lille TV | Raportaĵo sur pri Esperanto instruita en bazlernejo | Ligilo |
| 14an de majo 2015 | Canal Alpha | Elsendaĵo de loka svisa kanalo pri la 3a Tutmonda kolokvo pri instruado de Esperanto | Ligilo |
| 1an de marto 2015 | France 3 | La ludo *Questions pour un champion* elvokas la 100an UK en Lillo inter la eventoj de la jaro 2015 | Ligilo |

Pli da detaloj troviĝas ĉe: http://esperanto-france.org/reportages-television

### Sociaj retoj

Aldonindas, ke ekde januaro 2014, estis, preskaŭ ĉiutage, dissenditaj centoj da komuniketoj al la grupoj de Espéranto-France en:

Google Plus (48 abonantoj)

Vizaĝlibro (Fejsbuko) (1150 anoj je 4a de aprilo 2016)

Twitter (403 abonantoj je sama dato)

La mesaĝoj temas pri aktualaĵoj de la asocio en Parizo, en Francio, en la mondo, laŭ la ricevitaj informoj. Se vi deziras, ke ni dissendu mesaĝon al tiuj grupoj, bv. skribi al presse@esperanto-france.org.

*Raportas Sylvain Barrier (helpe de Didier Loison)*

## 1.3. Le Monde de l’espéranto

Aperis tri numeroj (589/590, 591, 592/593), el kiuj du duoblaj numeroj dum la koncerna periodo.

Ĝi estas redaktita de Claude Nourmont, la grafikan laboron prizorgis Bruno Flochon kaj Emmanuelle Richard. Regule kunlaboris por la paĝoj « Actualités » en la franca aŭ/kaj por la kulturaj paĝoj Sylvain Barrier, Bernard Behra, Liba Gabalda, Anne Jausions, Didier Loison, Flo Martorell, Yves Nicolas, Laure Patas d’Illiers, Renée Triolle k.a. Ankaŭ eksterlandaj esperantistoj kontribuis, ekzemple Adjévi Adje, HORI Jasuo, Humphrey Tonkin kaj pluraj aliaj. Entute oni raportis pri okazaĵoj en trideko da landoj de ĉiuj kontinentoj.

Relegas la revuon François Bartsch kaj Brian Moon.

En ĉiu numero aperas speciala dosiero (foje en la franca) pri grava temo, franclingvaj kaj esperantlingvaj aktualaĵoj, informoj pri la agadoj, kulturaj paĝoj, laŭeble dulingva paĝo kun traduko de literatura teksto originale verkita en Esperanto, vojaĝaj notoj kaj aliaj rubrikoj. La dosiero de la numero 589/590 temis pri « l’espéranto et la paix » fokusita ĉirkaŭ la unua mondmilito. La numero 591 montris « l’espéranto, langue de la diversité » kaj la numero 592-593 retrospektivis pri « les congrès mondiaux d’espéranto ».

Aldone, notindas, ke dank’al laboro de Claude Bensimon, pluraj ekzempleroj de *Le Monde de l’espéranto* estis enretigitaj en la retejon de Espéranto-France : http://esperanto-france.org/le-monde-de-l-esperanto



*Raportas Claude Nourmont*

## 1.4. Esperanto-Aktiv’

La reta informletero Esperanto-Aktiv’, verkita en la franca lingvo, aperas ĉiumonate. UFE kaj JEFO kune dissendas ĝin, de pli ol 4 jaroj, al ĉiuj membroj kaj al personoj, kiuj interesiĝas pri Esperanto (ĉefe personoj, kiuj aliĝis al la interretaj kursoj de JEFO).

La nuna formulo de la letero Esperanto-Aktiv’ entenas kvar rubrikojn:

- *Découvertes* (Malkovroj) prezentas subjekton rilate al la esperanta movado, al lingvoj aŭ, pli ĝenerale, al kulturaj aferoj, ĉu fundamentajn artikolojn, ĉu intervjuojn de variaj agantoj de Esperantujo; pluraj homoj (Aleks Kadar, Raymonde Coquisart, Sylvain Barrier) verkis en tiu rubriko.
- *Ils l’ont fait... dans leur région* (Okazis) listigas la ĵusajn agadojn de la lokaj kluboj; tiun rubrikon prizorgas Jeanne-Marie Cash. Post ĉiu evento, vi bonvenas sendi fotojn kaj artikoleton priskribante la okazaĵojn, la etoson kaj vian sperton.
- *Calendrier* (Okazos) vidigas la ĉefajn venontajn eventojn, en Francio, en Eŭropo kaj ankaŭ tra la cetero de la mondo, eĉ plurajn monatojn antaŭe; tiun rubrikon prizorgas François Bartsch. Bonvolu anonci ĉiujn lokajn, naciajn aŭ tutmondajn eventojn.
- *Lu, vu, écouté ce mois-ci* (Leginda, spektinda, aŭskultinda) prezentas ĉu libron, ĉu muzikalbumon, ĉu filmon, freŝe publikigitan aŭ pli malnovan; pluraj homoj (Anne Jausions, Axel Rousseau, Sylvain Barrier) verkis recenzon en tiu rubriko.

Pluraj homoj ariĝas ĉirkaŭ Sylvain Barrier. La skipo zorgas pri redaktado, enpaĝigo kaj publikigo, helpe de Emmanuelle Richard por la teknika flanko kaj reta dissendo.

- Jeanne-Marie Cash enpaĝigas la artikolojn en PDF versio.
- Raymonde Coquisart fotokopias, enkovertigas kaj sendas paperan version al membroj, kiuj ne havas retadreson.
- Pli ol **4000 personoj** ricevas la leteron kaj Emmanuelle Richard zorge aligas membrojn de EF al tiu dissenda listo.
- Vi povas legi la malnovajn leterojn tie : http://esperanto-france.org/esperanto-aktiv kaj proponi al interesitaj personoj senpage aboni irante sur la saman retejon.
- Bonvolu sendi viajn ideojn, sugestojn, artikolojn, anoncojn pri eventoj al: esperanto-aktiv@esperanto-france.org.

| Monato | Numero | Malkovroj | Leginda, spektinda, aŭskultinda |
|---|---|---|---|
| 09/15 | EA 61 | Duolingo pour apprendre l'espéranto | « Langues sans frontières, à la découverte des langues d’Europe », de Georges Kersaudy |
| 07/15 | EA 60 | Congrès mondial de Lille, les réactions de quelques participants | « Marina » et « Skabio » de Sten Johansson |
| 06/15 | EA 59 | L'espéranto dans les nouvelles activités périscolaires | « Krimeo estas nia » de Kalle Kniivilä |
| 05/15 | EA 58 | Polyglottes | « Superbazaro » de Martin kaj la Talpoj |
| 04/15 | EA 57 | La Lernejeto | « La Korto » de Kristian Lundberg |
| 03/15 | EA 56 | Des nouvelles du congrès mondial de Lille 2015 | « Afrikaj proverboj » d'Adjévi Adjé |

| | | | |
|---|---|---|---|
| 02/15 | EA 55 | La cotisation interassociative groupée à Espéranto-France | « Kiel traduki (2) » de André Andrieu |
| 01/15 | EA 54 | Muzaiko kaj Esperanto-TV | « Belarta Rikolto 2014 » [antologio] |
| 12/14 | EA 53 | Lille2015 et les Congrès mondiaux d'espéranto | « Sen elizi' », de Ĵak Le Puil |
| 11/14 | EA 52 | Exposition – Le rôle de l'espéranto pendant la première Guerre mondiale | « Briĝo kun veneno » de Ronald C. Gates |
| 10/14 | EA 51 | Traduction – L'apport d'Internet | « Konvinka kamuflaĵo » de Trevor Steele |

*Raportas Sylvain Barrier*

## 1.5. Expolangues

En 2014 Espéranto-France luprenis 9m² budon kaj deĵoris 4 tagojn.

Jen atesto de blogestro, Pierre Blanchon:

> J'ai eu l'occasion de parler avec Didier de l'association au salon Expolangues. Comme promis, j'ai mentionné sur mon site la présence de votre association dans le compte-rendu que j'ai fait de l'événement :
>
> http://www.mondelangues.fr/salon-expolangues-2015-osez-le-monde

Jen artikolo en retgazeto:

> http://www.taurillon.org/l-esperanto-et-l-union-europeenne-une-relation-conflictuelle
>
> Lasu neniun riproĉan komenton kontraŭ la ĵurnalisto, bonvolu!

Jen la artikolo aperinta en Esperanto-Aktiv' tuj post la evento:

> C'est le lieu où il faut apparaître, dans la liste des exposants et sur le stand, pour se faire connaître et dire que l'espéranto se développe. Espéranto-France y était.
>
> Cette année Didier Loison a mis au point un document qui s'est révélé très utile et accrocheur. Ce quiz permet aux visiteurs de répondre selon leur niveau de connaissance de la langue ; il leur donne le temps de s'informer et évite aux présentateurs des répétitions fastidieuses. Des visiteurs ayant repéré le stand viennent demander une intervention dans leurs associations. D'autres disent qu'ils y pensent depuis longtemps mais… et ils sont contents d'avoir de la documentation pour ranimer la flamme. Cette année nous étions entre 6 et 9 présents en même temps sur le stand : l'un fait le cours, l'un est en pause ou participe à une conférence et les autres sont sur le stand. La projection du film sur place est une bonne amélioration. Les dépliants bilingues anglais/espéranto et espagnol/espéranto nous ont rendu service.
>
> Très bonne ambiance sur le stand : chacun de nous a beaucoup donné selon son tempérament et ses compétences. (Info : Monique Arnaud)




# 2. Kapabligo



## 2.1. Instruado

### 2.1.1. Greziljono – Kulturdomo de Esperanto (MCE Grésillon)

Depost 2010 Espéranto-France estas komitatano de la Esperant-Kulturdomo en kastelo Greziljono, ĝi reelektiĝis en 2014 ĝis 2018 kaj nun reprezentatas de Didier LOISON. Nia agadraporto kovras la civilan periodon de januaro ĝis decembro 2015.

Dum tiu periodo, ni organizis niajn proprajn staĝojn: Jarfina Festo (30a/12-04a/01, 23 partoprenantoj), Interkant' (03a-08a/04, 48 p.), Printempas (14a-26a/04, 41 p.), Someraj staĝoj (4 semajnoj inter 06a/07-16a/08, entute 115 p.), Aŭtune kun Interkant' (24a/10-01a/11, 38 p.), do entute 59 noktoj kaj 1455 tranoktoj (meze 35 personoj), 4090 manĝoj. Ni daŭrigis apliki nian programon je malfermo, akceptante ne-esperantistajn luantojn (krom la jamaj esperantistaj). Okazis 22 luadoj dum entute 65 noktoj kun 21 600 € da enspezoj.

Daŭras niaj laboroj pri sekureco kaj re-malfermo de kelkaj (mal)novaj ĉambroj. Okazis enterigo de elektraj kaj telefonaj kabloj, konektotaj en 2016. Volontulaj laboroj okazis dum 47 tagoj.

Krom nia kutima programo, kursoj, ekzamenoj, muziko, turismo, teatro, kun gastoj el diversaj landoj kaj bela etoso por familioj… ni plu serĉas E-asociojn kaj aliajn partnerojn, kiuj okazigu en Greziljono siajn proprajn kongreson aŭ staĝojn.

*Raportas Bert Schumann*

### 2.1.2. Kvinpetalo (Bouresse)

La Kulturcentro Kvinpetalo, en Bouresse (86), okazigis 8 staĝojn dum la jaro 2015.

Okazis 4 lingvaj staĝoj (en februaro, aprilo, julio kaj oktobro) por komencantoj, komencintoj kaj progresantoj, gvidataj de Ansofi Markov. Ekzamensesio sekvis post ĉiuj staĝoj.

Sistema informado estis farita ĉe la lokaj komercistoj kaj pluraj lokuloj venis ekgustumi la lingvon laŭ speciala aranĝo.

Denove okazis (en aprilo) staĝo pri altnivela tradukado, kiun gvidis vicprezidanto de la Akademio Brian Moon. Kaj Alain Favre, fungologo, botanikisto, denove promenigis tra naturo kaj Vikipedio en aŭgusto.

Samtempe kiel la aŭtuna lingvokurso Bernard Lagrange gvidis staĝon por pripensi ekologian mastrumadon de ĝardeno. La staĝantoj povis tuj ekzerciĝi en la kvinpetala ĝardeno, kaj plibonigigi ĝin.

Elstaris du staĝoj ligitaj al la preparoj de la UK en Lille. En ambaŭ kazoj pleniĝis la domoj de Kvinpetalo. En majo Anne Amblès, profesia ĉiĉeronino, gvidis staĝon por la gvidontoj de la ekskursoj de la monda kongreso en Lillo-2015. La estontaj ĉiĉeronoj partoprenis la viglajn sesiojn de la staĝo, kun diversaj ekzercoj kaj tuja praktikado.

En junio La Kompanoj venis por prepari kaj provludi la spektaklon de la Nacia vespero en Lille. Kaj estis ankaŭ prepariĝo kaj trejniĝo por kanti kaj kantigi la publikon sur la Opereja Placo de Lille dum la Universala Kongreso.

Philippe Cousson daŭrigas la laboron pri organizado de la biblioteko de la kulturcentro.

La retpaĝojn de Kvinpetalo prizorgas Yannick Dumoulin.

La kulturcentro flegas bonajn kontaktojn en la vilaĝo, i.a. kun la mediateko, kie estas eta fako pri Esperanto. Kaj

Kvinpetalo helpas konigi Bouresse tra la tuta mondo: la kulturcentro havis budon en la Movada Foiro en Lille, kaj en diversaj okazoj oni mencias pri Kvinpetalo en esperantaj revuoj.

*Raportas Claude Nourmont*

### 2.1.3. Interretaj kursoj

Espéranto-France mastrumas 3 interretajn kursojn: la programo *Kurso de Esperanto*, la *Cours gratuit d'espéranto en 10 leçons* kaj *Gerda Malaperis* por progresantoj.

72 volontuloj korektas tiujn kursojn. Dum la 12 monatoj de oktobro 2014 ĝis septembro 2015, 342 lernantoj aliĝis (290 en 2013-2014) kaj 63 finlernis la elektitan kurson (57 en 2013-2014).

Ingrid Malaquin mastrumas la kurson, Axel Rousseau zorgas la teknikajn problemojn kaj Emmanuelle Richard sendas informojn al la lernantoj kiuj finis la kurson.

Lernantoj aliĝas al la interreta letero *Esperanto-Aktiv'* (vd. paragrafo 1.4).

Plie, de julio 2015, Duolingo lanĉis esperantan kurson por lernantoj kiuj parolas la anglan kaj de tiam, 300 000 personoj aliĝis al tiu kurso. Ni proponis nin por krei francan version de tiu kurso.

*Raportas Axel Rousseau*

## 2.2. KER-ekzamenoj

La 4a tutmonda ekzamensesio okazis la 24an de aprilo kaj 30an de majo 2015.

Okaze de tiu sesio 116 kandidatoj ekzameniĝis en 15 urboj de la mondo, inter ili 51 kandidatoj el Francio en 5 urboj:

- Parizo: 12 kandidatoj
- Tuluzo: 12 kandidatoj
- Baugé-en-Anjou: 11 kandidatoj
- Lannion: 9 kandidatoj
- Limoĝo: 7 kandidatoj

Interalie okazis ekzamensesio en Lillo okaze de la 100a UK.

Plu necesas varbi kandidatojn, i.a. novajn lernantojn, por ke la sistemo plu vivu.

*Raportas Didier Janot*

## 2.3. Franca Esperanto-Instituto (FEI)

FEI estas lingva institucio komuna al UFE kaj SAT-Amikaro, je la dispono de ĉiuj esperantistoj kaj esperantistaj organizoj en Francio.

Ĝia jarkunsido okazis la dimanĉon 4-an de oktobro 2015 en la sidejo de UFE.

Ses kandidatoj (el Bureso kaj Marsejlo) trapasis la unuagradan ekzamenon, kaj du trapasis la duagradan, ankaŭ en Bureso. En norda Francio, la preparoj por la UK malhelpis la kutiman okazigon de unuagrada ekzamensesio. Sed kompense, du kandidatoj utiligis la eblecon ĉiĉeroni grupojn kadre de la UK por trapasi en plej realismaj kondiĉoj la fakan branĉon pri Turismo kun interpretado de la Atesto pri kapableco. La du aliaj fakaj branĉoj, kiujn eblas trapasi, estas Pedagogio kaj Sciencoj kaj Teknikoj.

La studendaj verkoj por la Atesto pri Supera Lernado (komuna parto de la triagrada ekzameno, trapasenda antaŭ la fakaj branĉoj), estas:

- *La fotoalbumo* de Trevor Steele
- *Ĉu vi konas Blaise Cendrars?* de Manuel de Seabra
- *Kredu min, Sinjorino* de Cezaro Rossetti
- *Ne ekzistas verdaj steloj* de Liven Dek

Estis decidite starigi aldonan simpligitan pure skriban version de la duagrada ekzameno, nomota "Esperanto ĉe la

*baccalauréat*-nivelo”, por montri al la ŝtataj instancoj ke praktike eblas disponigi por tiu-ĉi ekzameno materialon ekvivalentan al tiu kiu estas uzita por aliaj lingvoj. Lernejanoj povus poste apogi sin sur la ekzisto de tiu-ĉi materialo por peti la eblecon reale trapasi la ekzamenon kadre de la abituro. Pri tio vidu la ĉi-suban rekomendon.

Ankaŭ estis decidite subteni la komisionon pri KER-ekzamenoj en siaj klopodoj peti ilian ŝtatan agnoskon surbaze de la konvencio de Lisbono.

Pliaj informoj, interalie datoj de venontaj ekzamensesioj kaj taskoj por memtrejniĝo estas haveblaj en la retejo de FEI: http://franca-esperanto-instituto.net.

## Rekomendo de FEI

Konsiderante la gravecon de antaŭenigo de Esperanto ĉe franca abituro, Franca Esperanto-Instituto (FEI) rekomendas al Espéranto-France, SAT-Amikaro, Esperanto-federacioj, Esperanto-kluboj kaj Esperanto-kulturcentroj

1. Informi gimnazianojn

- pri Esperanto sciigante al ili ke esperanto estas lingvo facile lernebla kaj utila por justa internacia komunikado en la mondo,
- pri la projekto Esperanto kiel nedeviga lingvo ĉe abituro

2. Proponi al gimnazianoj

- lerni Esperanton,
- sekvi Esperanto-kursojn,
- trejnkursojn por Esperanto kiel nedeviga lingvo ĉe abituro
- trapasi provekzamenon laŭ skemo de skriba testo pri nedeviga lingvo ĉe abituro

3. Instigi eo-fakulojn kunlabori kun teamo provjurio pri Esperanto ĉe abituro

Rekomendo adoptita de Franca Esperanto-Instituto (FEI), en Parizo la 4an de oktobro 2015

*Raportas Vinko Markovo*

## FEI-komisiona raporto 2015 pri (franca rifuzo de) KER-diplomoj

Kvankam la strasburga *Rectorat* ne reagis (do teorie ne rifuzis) pri la E-diplomo sendita antaŭ pli ol unu jaro, kiel atestilo pri deviga B2-nivelo pri lingvo, de Fabien Tschudy en sia dosiero de CAPES-sukcesinto, la rifuzo de la ministerio estas nun nediskutebla laŭ la 4 jenaj respondoj:

**Rép. du 17-4-15**, signée par le sous-directeur du recrutement : « Les remarques complémentaires que vous fournissez (...) n'apportent pas d'éléments significatifs de nature à me permettre de reconsidérer les précisions fournies dans ma lettre du 4 août 2014. »

**Rép. du 13-5-15**, de Martine Ramond, chargée de mission auprès de la **médiatrice** de l'E.N. : « A la suite de votre saisine et de notre échange téléphonique, la Médiation a étudié avec attention votre demande de reconnaissance des certificats obtenus en langue Espéranto (...) **Le Ministère**, saisi par la Médiation, **maintient son refus** de vous accorder cette reconnaissance. (...) 4. L'espéranto n'entre pas dans le champ du CCLES pour les raisons suivantes : cette langue est dépourvue d'assise territoriale, ne présente pas les caractéristiques d'une **langue maternelle**, est rarement enseignée comme langue vivante dans les **cursus universitaires**, n'est pas enseignée dans les collèges et lycées en France et n'est pas offerte aux examens et concours. (...) En conséquence, elle clôt votre dossier en précisant que l'évolution du cadre juridique existant **relève de choix d'ordre politique** qui n'entrent pas dans les missions de la Médiation. »

**Recours gracieux adressé le 30-6-2015** (avec AR) à M$^{me}$ la ministre de l'Éducation Nationale, sous couvert du chef de service adjoint à la directrice générale des ressources humaines, sous couvert du sous-directeur du recrutement, sous couvert de M. Ph. Herbet, DGRH D1 :

9 - Éléments d'information sur l'enseignement de l'espéranto dans les cursus universitaires (47 pp.)

10 - Éléments d'information sur l'enseignement de l'espéranto dans le secondaire (8 pp.)

11 - Éléments d'information sur l'espéranto comme langue maternelle (26 pp.)

« (Les 3 derniers documents, nouveaux, apporteront des éléments inconnus de vos services.) »

**Rép. du 11-9-15**, signée par le sous-directeur du recrutement, **au recours gracieux** : « (...) J'estime, après étude de l'ensemble des pièces, ne pas devoir modifier la teneur [négative] de ces dernières [c'est-à-dire : des lettres du 4 août 2014 et du 17 avril 2015] » (réf. DGRH D1 n° 15-080).

En plus de cet envoi par la voie hiérarchique, ce dossier avait également été **transmis** à Madame la ministre de l'Éducation Nationale **par Barbara Pompili, députée de la Somme**.

**Rép. du 28-9-15, signée par la ministre** Najat Vallaud-Belkacem, **à la co-présidente** du groupe écologiste à **l'Assemblée nationale** : « (...) L'espéranto, langue neutre dépourvue d'assise territoriale, ne présente pas les caractéristiques d'une langue maternelle et est en outre rarement enseignée comme langue vivante dans les cursus universitaires. (...) »

### *Konkludo*

Alia spuro por rekono de la diplomoj estus **peto al *ENIC-NARIC-France***, instanco respondeca pri la aplikado de la Konvencio pri la diplom-rekono, kiu kondiĉas:

« Les **titulaires de qualifications** délivrées dans l'une des Parties **ont un accès adéquat**, à leur demande adressée à l'organisme compétent, **à l'évaluation de ces qualifications**. 2. Il n'est fait, à cet égard, aucune distinction fondée, notamment, sur le sexe, la race, la couleur, le handicap, **la langue**… » (*Konvencio de Lisbono*, 11.IV.1997, Sekcio III, art. III.1) (Vidi la ĉikunajn kvarpaĝajn eltiraĵojn el la originala 18-paĝa dokumento).

Tiu peto kostas 70€ (aŭ 20€ se ĝi fiaskas).

FEI decidis subteni la komision, inklude fincance, ĝis 70 € (aŭ 100 €?), se ĝi engaĝiĝas en tiu klopodo por aplikigi la Konvencion de Lisbono.

*Raportas Christian Lavarenne*

## 2.4. Afrika Solidareco

Ĉi-jare nur al kvin landoj estis senditaj, laŭ negrandaj kvantoj, lernolibroj kaj aliaj materialoj. La plej grandaj kvantoj estis senditaj al la biblioteko de Rumonge (BURUNDO) kadre de la iniciato lanĉita de Johan Derks kaj Stano Belov (asocio Esperanto en Evoluo: http://esp-evoluo.info/). En Francujo plej aktivis por tio Pierre Grollemund, dum la UFE-kongreso de Chambéry en 2014 kaj poste.

**BURUNDO**

Al H. Ntahonsigaye (Rumonge) P. Grollemund sendis pakaĵon en decembro 2014 (kadre de la kampanjo « Ni plenigu la bibliotekon de Rumonge » iniciatite de Johan Derks en printempo 2014) kaj refoje 11 librojn la 3an de julio 2015 (ricevo de la libroj konfirmita).

**BENINO**

Asocio « Infanoj ĉirkau Afriko », de Latifou Gbadamassi, petis kaj ricevis franclingvajn informilojn kaj propagandilojn (kalendaretojn) en januaro 2015 kaj septembro 2015 (senditaj la 3an de septembro; 9,72 €).

**KONGO**

Anita Dusabe el Asocio VEA en Ruthsuru (adreso en Kisoro, UGANDO), petis kaj ricevis en aprilo 2015 lernolibrojn kaj aliajn librojn, je sumo = 190,83 euroj.

**MAROKO**

S-ino Venban Mildred Dindze en junio ricevis (laupete de Adje Adjevi) vortarojn kaj lernolibrojn. 44,82 €.

**MADAGASKARO**

Desiré Rabevazaha (Centre international d'Espéranto, Antananarivo) petis kaj ricevis vortaron kaj kalendaretojn la 7-an de augusto. 21,62 €.

*Jeanne-Marie Cash, komisiito pri la Afrika fonduso*

## 2.5. Ĝemelaj urboj

La  ĉefaj agadoj pri Ĝemelaj Urboj estis ligitaj ĉijare al la 100-a UK en Lille:

- projekto « Fariĝu ambasadoro de via urbo ĝemelita kun la urbo de la UK »
- fotoekspozicio pri la Ĝemelaj  urboj de Lille

Dum pli ol unu jaro, mi zorgis pri amaso da kontaktoj retaj kun la landaj asocioj de UEA en landoj (Germanio, Pollando, Britio, Ukrajnio, Belgio, Israelo, Senegalio, Italio, Ĉinio, Hispanio kaj Luksemburgio) kie troviĝas ĝemelaj urboj de Lille, kun UEA delegitaj en la koncernaj landoj kaj kun lokaj grupoj.

La projekto « Fariĝu ambasadoro de via urbo ĝemelita kun la urbo de la UK » sukcesis nur en Pollando. Esperantistino transdonis mesaĝon kaj donacon el la urbo Vroclavo urbo ĝemelita kun Lille okaze de la oficiala akcepto en la urbodomo de Lille.

Post la UK en Argentino (2014), okazis en Lille la 2-a fotoekspozicio el la ĝemelitaj urboj. Multaj kontaktoj dum monatoj ebligis realigi ekspozicion pri fotoj el 10 el la 14 urboj ĝemelitaj kun Lille.

Krome dum la Movada Foiro, la budo pri Ĝemelaj Urboj estis multe vizitita. Pluraj gekongresanoj el diversaj landoj, interalie el Francio, esprimis la deziron kunlabori.

*Raportas Raymonde Coquisart, komisiito pri Francio*

---

# 3. Komunumo



## 3.1. Butiko

Plej bonaj vendoj dum la periodo 2014-2015.

| | | |
|---|---|---|
| *Templo de l'suno* | 518 | 4696,12 |
| *Poŝtmarko UK Lille2015 (tutmonda 20g)* | 2490 | 3735,00 |
| *T-ĉemizo Lille2015 blanka fono* | 335 | 3350,00 |
| *Poŝtmarko* | 2520 | 2268,00 |
| *Eta Princo* | 128 | 1219,04 |
| *Grand dictionnaire français-espéranto (kun suppl.)* | 18 | 507,50 |
| *Poŝtkarto 1 100a UK Lille2015* | 1000 | 500,00 |
| *Poŝtkarto 2 100a UK Lille2015* | 1000 | 500,00 |
| *Poŝtkarto 3 100a UK Lille2015* | 1000 | 500,00 |
| *Poŝtkarto Ĉefplaco 100a UK Lille2015* | 969 | 484,50 |
| *Poŝtkarto Malnova borso-Euralille 100a UK Lille2015* | 951 | 475,50 |



| | | |
|---|---|---|
| *Faldfolio "Espéranto LA LANGUE ÉQUITABLE"* | 6715 | 470,05 |
| *Dictionnaire pratique* (E/F - F/E) (eld. 2014) | 27 | 422,40 |
| *PIV (Plena Ilustrita Vortaro)* (eld. 2005) | 7 | 417,00 |
| *Plasta glaso "Espéranto, La langue équitable"* | 533 | 379,00 |
| *Poŝtkarto Mi estis tie! 100a UK Lille2015* | 751 | 375,50 |
| *Mode d'emploi + Lumdisko* | 107 | 374,50 |
| *Poŝtkarto Internacia Lingvo 100a UK Lille2015* | 691 | 345,50 |
| *Dictionnaire pratique* (E/F - F/E) (malvona eld.) | 15 | 332,35 |
| *Grand dictionnaire Espéranto-français* | 14 | 306,10 |

*Raportas Sylvain Barrier (helpe de Sébastien Montagne)*

## 3.2. Sidejo

Dum la tuta jaro 2015 la skipo de la sidejo de Esperanto France volonte kontribuis al la preparado kaj granda sukceso de Universala Kongreso de Lille kaj elkore dankas vin pro via atento kaj subteno.

Sekve de ricevo kaj traktado de nenombreblaj telefonalvokoj, retmesaĝoj same kiel poŝtleteroj adresitaj al la sidejo ni:

- notis pli ol 520 aliĝojn al UEA kaj 340 al UK 2014
- preparis kaj sendis pli ol 540 mendojn al niaj membroj kaj aktivuloj
- notis pli ol 660 aliĝojn al Espéranto-France kaj 400 abonojn al LME
- same kiel pli ol 220 abonojn al internaciaj revuoj

Ni prizorgis ankaŭ pri specifaj agadoj kaj projektoj:

- daŭrigo de laboro por ordigi kaj numerigi nian arkivan trezoron, vi povas konsulti la retejon: www.arkivo.esperanto-france.org (respondeculoj Régis Fournier kaj Jean Lazert) ;
- kunorganizado (Federacio Parizo-Francilio) kaj akcepto de pluraj konferencoj, kunvenoj, renkontiĝoj.

La sidejo estas malfermata lunde, marde, merkrede je la 9a ĝis la 18a horo (post la 18a horo preskaŭ ĉiutage okazas kursoj).

Ĵaŭdo estas rezervata por dosieroj traktendaj, sed ni ricevas ankaŭ antaŭvidintajn au pasantajn vizitantojn.

Kiel kutime pluraj eksterlandanoj vizitis la sidejon en 2015 (el Brazilio, Pollando, Australio, Armenio, Japanio, Hungario, Bulgario, Hispanio, Ĉinio, Svislando...)

Vi estas bonvenaj dum viaj voĵaĝoj en Parizo kaj tra Parizo, nia skipo (Liliane Bon, Maria Fessl, Jean-François Mestelan, Jean-Louis Poullet, Susanna Beglaryan) plezure montros al vi la sidejon, la arkivon, la librojn...

*Raportas Susanna Beglaryan, kunordiganto de la sidejo*

## 3.3. La landa kongreso

En 2015, ne okazis landa kongreso pro la organizado de la Universala Kongreso en Lillo.

La jara membrokunveno okazis en Parizo, la 18an de aprilo 2015.

## 3.4. Universala Kongreso de 2015 en Lillo




La 100a Universala Kongreso de Esperanto, nomita “Lille2015 / Mondial de l’espéranto” en la franca lingvo, okazis de la 25a de julio ĝis la 1a de aŭgusto 2015 en la kongresejo Lille-Grand-Palais en Lillo. Aliĝis ĉ. 2700 homoj el 80 landoj, kio igis ĉi-tiun kongreson la plej populara el la Universalaj Kongresoj de la 21a jarcento.

## Organizado

La kongreson kunorganizis Landa Kongresa Komitato kadre de speciale kreita franca asocio t.n. “Lille2015 Espéranto”. Ĝi konsistis el ĉ. 20 komisiitoj kaj vickomisiitoj el la tuta lando, kiuj zorgis pri kunordinago/administrado, komunikado, programo kaj kongresejo/servoj. Ĝin prezidis Xavier Dewidehem kaj kunordigis Julia Hédoux. La LKK kunsidis plurfoje en Parizo kaj Lillo. Krome helpis ĉ. 200 volontuloj antaŭ kaj dum la UK.

## Malfermeco

La fundamenta volo de la LKK estis malfermi la Universalan Kongreson, por ke Esperanto brilu ankaŭ sur la ekstera mondo. Tial la LKK mem organizis:

- interretan komunikadon (retejo www.lille2015.fr, Facebook kaj Twitter);
- ampleksan komunikadon al la amaskomunikiloj (raportis ĵurnaloj, radiostacioj kaj televidkanaloj nordfranciaj, landaj kaj eĉ eksterlandaj);
- multan afiŝadon tra la urbo, tiel ke ĉiuj lillanoj povu scii pri la UK;
- informobudon kaj ekspozicion en la kongreseja akceptejo;
- kursojn “Esperanto Ekspres e” cele al la lillanoj en la kongresejo (ilin partoprenis 130 homoj);
- spektakloj sur urbocentra placo, en la kulturejo Gare Saint-Sauveur kaj en la somera aranĝo Lille Plage;
- futbalmatĉon en publika stadiono ĉe Lillo.

Tia malfermeco estis laŭdata de la kongresanaro kaj estu grava karakterizo de la postaj Universalaj Kongresoj. Al tio strebu la LKK-oj sed ankaŭ la estraro kaj la centra oficejo de UEA.

La UK estis okazo por krei novan, daŭran informmaterialon por UFE, ekz. plenan informbudon kaj indikoflagojn.

## Ĉefaj momentoj

Krom la aranĝoj el la ĉi-supre menciita publika programo estis tre aprezataj:

- la Nacia Vespero el tre bela kanta spektaklo de la franca esperantista trupo La Kompanoj kun la nordfrancia giganto Naturamiko;
- la akcepto de la kongresanoj en Bulonjo-ĉe-Maro fare de la magistrato kaj la urbestro kaj alta protektanto Frédéric Cuvillier (kun aranĝoj en la kongresejo de la unua UK, sur la placo Zamenhof kaj en la urbodomo).

*Raportas Xavier Dewidehem*




# 4. Kunordigado kaj funkciado



## 4.1. Rilato kun UEA

Claude Nourmont reprezentas UFE ĉe la komitato de UEA. Ŝi partoprenis ties kunsidojn dum la Universala Kongreso en Lillo. Kiel ĉefdelegito de UEA por Francio daŭre rolas Renée Triolle.

UFE havas regulajn kontaktojn kun UEA. La sidejo zorgas pri perado de kotizoj kaj aliaj servoj.

Sed la rilatoj ĉi-jare ne estis nur rutinaj. La kontaktoj inter la du asocioj fariĝis aparte intensaj en la nuna jaro pro la preparoj de la UK Lillo 2015 kaj la okazigo de la UK. Vidu la apartan raporton pri la UK.

*Raportas Claude Nourmont*

## 4.2. Rilato kun SAT-Amikaro

Kiel dum la pasintaj jaroj, Espéranto-France plenumis plurajn agadojn kun SAT-Amikaro dum la periodo :

- Reta komuna datumbazo ;
- Postsekvoj de la kampanjo por enkonduko de Esperanto en la abiturienta ekzameno (pétition « Espéranto au bac ») ;
- Kelkaj komunaj vesperoj en Francilio (koncertoj, babiladoj, Café Espéranto...) - (vidi raporton de Federacio Esperanto-Parizo-Francilio) ;
- Reciprokaj aĉetoj de libroj.

## 4.3. Statuto kaj interna regularo

Post modifo de la statuto far la Ĝenerala Asembleo la 9an de majo 2013, la Komitato reviziis la internan regularon en la 12a de oktobro 2014. Ĉi-tiu revizio anstataŭigis la ĝistiamajn kunlaborkontraktojn kun membraj asocioj per komunaj klaŭzoj en la interna regularo de UFE; ĝi ankaŭ ĝisdatigis kaj polurigis la internan regularon.

*Raportas Xavier Dewidehem*

## 4.4. Komitato kaj membraro

Elektita en Chambéry (maje 2014), la Komitato kunvenis kvar fojojn: majon 2014, oktobron 2014, januaron 2015, majon 2015.

**Reprezentas la membrojn:**

- Sylvain Barrier
- Pierre Bouvier
- Raymonde Coquisart
- Christian Lavarenne
- Sébastien Montagne
- Claude Nourmont

**Reprezentantoj de la membraj asocioj:**

- Aŭvernio: Jean-Pierre Boulet
- Bretonio: Claude Bensimon
- Centrokcidento: (neniu)

2 adhérent à UFE, Espéranto Lozère survit difficilement avec 4 adhérents, 8 abonnés à Espéranto-Info.
Les 27, 28 et 29 mai, Françoise et Alain sont allés tenir un stand durant trois jours à Alès. C'était une exposition des différents pays représentés par des gens d'Alès et la région. Nous leur avons prêté du matériel : revues, sets de table, drapeau.
Il y a eu peu de curieux mais la discussion s'est surtout faite avec les participants ! Ils ont semé !…

*Raportas Martine Ragonnet*

## 5.7. Fédération Espéranto-Midi-Pyrénées (Sudo-Pireneoj)

Ĉi-tiu federacio ne sendis oficialan raporton sed eblas legi la jarraporton rete:

http://esperanto-midipyrenees.org/download/download.php?val=184_rapport+moral+2014-2015

## 5.8. Fédération Espéranto-Nord (Nordfrancia Esperanto-Federacio)

### Regiona kunordigado

#### *Membraro*

La Federacio nombras entute 103 membrojn. Arras-Espéranto: 21. Boulogne-Espéranto: 3. Dunkerque-Espéranto: 8 (la klubo decidis ĉesigi sian agadon fine de 2015). Lille-Villeneuve-Espéranto: 34. Somme-Espéranto: 18. Valenciennes-Espéranto: 17. Izoluloj: 2.

#### *Federaciaj kunsidoj, kongresoj*

La Federacia Komitato kunsidis dufoje en 2015: la 17an de Januaro kaj la 14an de Novembro. Pro la Universala Kongreso de Esperanto en Lillo ne okazis federacia kongreso en 2015.

#### *Rilatoj kun UFE*

Pluraj federacianoj membras en diversaj instancoj de UFE. Michel Dechy reprezentas la Nordfrancian Federacion en la komitato de UFE.

### Informado kaj komunikado

#### *Federacia gazeto, federacia retejo*

La federacia gazeto *Norda Gazeto* aperis dufoje. Sed post jaroj da mirinda laboro ĝia ĉefredaktoro Claude Longue-Épée eksiĝis post la UK, kiel li jam delonge avertis. Ne eblis trovi anstataŭanton, sed la Federacio decidis aperigi retan informleteron *Norda Kuriero*, kiun papere ricevos la federacianoj, kiuj ne uzas Interreton.

La dulingva federacia retejo viziteblas je la adreso: www.esperanto-nord.org.

#### *Informado en diversaj medioj*

Michel Dechy prezentis Esperanton en 2 klasoj (Terminale S) en liceo de Gondecourt.

La diversaj kluboj partoprenis en forumoj de asocioj (Araso, Villeneuve-d'Ascq, Valencieno), en festivaloj de lingvoj (Dunkirko) kaj en aliaj kulturaj aranĝoj (*Salon du livre d'expression populaire* en Araso, *Salon des langues* en Béthune, *Café des langues* en Lens, *Festival de la bande-dessinée* en Lys-lez-Lannoy, budo en la granda stratbazaro en Lillo).

Okaze de *Salon du livre d'expression populaire* en Araso, Marianne Dunlop prezentis sian libron: *URSS vingt ans après, retour de l'Ukraine en guerre*. Ĝin pluraj arasanoj ektradukis en Esperanton.

Estis budo en la aranĝo *Arras solidarité internationnale*, kiun organizis *Centre social Léon Blum*. En Bulonjo-ĉe-Maro

okazis prezento de Esperanto dum la tagoj de eŭropaj lingvoj en la universitato.

Arlette kaj Edmond Plutniak dum restado en la insuloj Kanarioj renkontis membrojn de la loka Esperanto-klubo kaj prelegis pri sia vojaĝo per transsiberia trajno en la sidejo de la eldonejo *La Laguna*.

## Instruado kaj ekzamenoj

### *Kursoj kaj staĝoj*

Diversajn kursojn organizis la kluboj (lernjaro 2014-2015):

- Amieno: 2 komencantoj, 9 progresantoj, kaj 4 homoj laborantaj per Esperanto (tradukado…);
- Araso: 18 partoprenantoj;
- Bersée: 8 progresantoj;
- Bulonjo-ĉe-Maro: babilrondoj ĉiumerkrede;
- Dunkirko: dufoje monate, 8 progresantoj;
- Lillo: 5 progresantoj en la kvartala urbodomo de Lille-Centre, 2 komencantoj kaj 3 progresantoj en la Universitato pri Libera Tempo;
- Oignies: 2 progresantoj (konversacia rondo);
- Valencieno: ne plu estis kurso;
- Villeneuve-d'Ascq: 8 progresantoj, 3 komencantoj.

Somerajn staĝojn organizis Lille-Villeneuve-Espéranto julie kaj aŭguste en Villeneuve-d'Ascq kun 2 aŭ 3 partoprenantoj.

Dank' al la novaj lernoritmoj (TAP aŭ NAP) Claude Longue-Épée kaj Michel Dechy gvidas grupojn en Bersée kaj Villeneuve-d'Ascq (2 bazlernejoj: Prévert kaj Anatole-France, por ĉ. 10 lecionoj).

### *Federaciaj ekzamensesioj*

La federacio ne zorgis pri ekzamenoj pro la preparado de la UK.

## Kulturo kaj aranĝoj

### *Eŭropa Rendevuo en Stella-Plage*

La Federacio organizas ĉiujare Eŭropan Rendevuon. En 2015 la 26a Rendevuo denove okazis en Stella-Plage. Ĝi estis granda sukceso dank' al la entuziasmoplenaj organizantoj Arlette kaj Edmond Plutniak.

Katalin Kováts proponis staĝon por plibonigi la parolan lingvon; Michel Dechy por komencantoj kaj komencintoj; Anne Jausions pri la furora Sumoo-ludo pri literaturo; kaj Roch Jullien gvidis atelieron pri tutmondaj dancoj. Vespere okazis prelego de Floréal Martorell pri Esperantaj muziko kaj muzikistoj.

La Eŭropan Rendevuon organizos Roch Jullien en 2016 en Stella-Plage.

### *Aliaj aranĝoj*

Ne okazis en norda Francio prelegturneo de eksterlanda esperantisto. Sed multaj homoj UK-helpantoj vizitis kaj kleriĝis pri la regiono, ĝuis la vizitojn de la malnova kvartalo de Lillo gvidatajn de Claude Longue-Épée.

En Lillo estis organizataj unufoje monate ludvesperoj en la librovendejo *V.O.*: inter 6 kaj 10 partoprenantoj renkontiĝis kaj babilis pere de paroligaj ludoj (ĉefe *Brin de Jasette*).

10 arasanoj partoprenis la Esperanto-Sumoon organizatan de Hori Jasuo; tiu ludo instigas la partoprenantojn legi librojn en Esperanto.

Pluraj membroj de Lille-Villeneuve-Espéranto partoprenis en la Tago de la Ebena Lando laŭ invito de Piet Glorieux el la Kortrejka klubo (Belgio).




La klubanoj de Dunkirko organizis Zamenhofan-feston per vespermanĝo en restoracio. La Lilla klubo organizis sian Zamenhofan-feston la 5an de decembro en MRES (asociara domo): en ĝoja etoso la ĉeestantoj spektis partojn de filmo pri la nacia vespero de la UK kaj poste vesperanĝis en la restoracio *L'Avant-Scène*, ĉe kies fasado videblas memorŝildo pri Gaston Waringhien.

**Partopreno en kongresoj aŭ aranĝoj landaj, eŭropaj aŭ mondaj:**

Pluraj federacianoj partoprenis en PSI (Printempa Semajno Internacia) kaj NR (Novjara Renkontiĝo) en Germanio. Memkompreneble multaj partoprenis en la Lilla UK.

### Universala Kongreso "Lille2015"

La ĉefa agado de la Federacio en 2015 estis preparado de la UK en Lillo. La federacianoj multege kaj diverskampe laboris, por ke la 100a UK en julio 2015 en Lillo estu kiel eble plej granda sukceso. Pluraj federacianoj estis membroj de la LKK: Xavier Dewidehem, Michel Dechy, Julia Hédoux, Katja Boen. Aliaj organizis aranĝojn kadre de la UK:

- Ekskursoj: dudeko da federacianoj multe laboris por malkovrigi al la kongresanoj la regionajn vidindaĵojn (kun helpo de esperantistoj el aliaj regionoj kaj el Belgio...);
- Nacia Vespero: Brigitte kaj Jean-Pierre Quiquempois kun La Kompanoj, la Naturamikoj kaj la giganto nomita Natuamiko;
- Prelegoj: Edmond Plutniak pri la Poloj en norda Francio;
- Ekspozicioj: Hervé Gonin pri muzikinstrumentoj;
- Internacia Infan-Kongreseto: ĝin sukcesigis Michel Dechy (ĉeforganizanto), Fabrice Lemaire (kasisto), Bruno Deman (kuiristo), k.a. kaj la apogo de la urbodomo de Villeneuve-d'Ascq;
- Memorŝildo pri Gaston Waringhien ĉe la fasado de la lilla restoracio L'Avant-Scène: laŭ iniciato de Edmond Plutniak kaj Francis Tiedrez.

*Raportis ĝenerala sekretariino Katja Boen*

## 5.9. Fédération Espéranto-Poitou-Charentes (Puatuo-Ĉarentoj)

La federacio estas dormanta.
Tamen gravajn eventojn okazigas en Puatuo-Ĉarentoj la kulturcentro pri esperanto Kvinpetalo en Bouresse (86), i.a. 8 staĝoj dum la pasinta jaro (*vd.* ĉisupre la paragrafon 2.1 Instruado).

## 5.10. Fédération Espéranto-Provence (Provenco)

### Membraro

Espéranto-Provence havas 104 membrojn je la 31a de decembro 2015:

- 37 estas membroj de Espéranto-France (inter ili, 11 estas ankaŭ klubo-membroj)
- 19 estas nur Federacio-membroj
- 59 estas klubo-membroj

sume : 115 – 11 = 104

### Asocioj, grupoj kaj individuaj membroj

#### *Deklaritaj asocioj*

- **04 - Manosque - E.K.E.M. (Esperanta Kulturo en Manosque)**: 10 federaciaj membroj
  prez. : Jean-François Fausser – sekr. : Clément Fausser – kas. : Joseph Grammatico



- **05 - Gap - Espéranto-Gap**: 6 federaciaj membroj
  prez. : Nicolas Julien – sekr. : neniu – kas. : Jean-Louis Gobeau
- **13 - La Roque-d'Anthéron**: Espéranto-La Roque
- **13 - Marseille**: 5 federaciaj membroj
  prez. : Thierry Spanjaard
  ttt-ejo : http://esperanto.marseille.overblog.com
- **13 - Miramas**: G.E.M. (Groupe Espéranto Miramas)
- **83 - Fréjus / Saint-Raphaël**: Espéranto-Club Saint-Raphaël / Fréjus : 28 federaciaj membroj
  prez. : Denise Loisel – sekr. : Monique Prezioso – kas. : Christine Graissaguel
- **83 - Le Beausset - Espéranto – Le Beausset**: 8 federaciaj membroj
- **84 - Avignon - K.E.C.A. (Kultura Esperanto-Centro de Avinjono)**: 2 federaciaj membroj

### *Antenaj grupoj de Espéranto-Provence*

13 - La Ciotat ; 84 - Carpentras ; 84 - Orange

### *Individuaj membroj*

04 : en Castellane; 05 ; 06 : en Guillaumes, Cagnes-sur-Mer ; 13 : en Le Tholonet, Aix-en-Provence, Belcodène ; 83 : en Taradeau, La Garde, Pignans, Saint-Mandrier, Toulon ; 20 : en L'Ile-Rousse… (listo ne kompleta)

## Administro

### *membrokunveno:*

Ĝi okazis en Les Issambres la 8an de Marto. 22 partoprenintoj + 11 senditaj rajtigiloj.

Demisiis el la federacia komitato: Claudie Demongeot. Eniris la komitaton: Nicole Lafitte

### *komitatkunsidoj:*

- Januaro 25: La Ciotat (ĉe Renée Triolle)
- Marto 8: Les Issambres (post la membrokunveno)

Okaze de tiu kunsido, la komitatestraro estis renovigita:

estraranoj (4):

prezidanto: Pierre Oliva

sekretario: Pascal Vilain

kasisto: Nicole Lafitte

helpkasisto: Michel Cerisay

gazetrespondeculo : Pascal Vilain

reprezentanto de nia federacio ĉe Espéranto-France : Pascal Vilain

aliaj komitatanoj (5):

Monique Arnaud, Franz Mimmersheim, Thierry Spanjaard, Renée Triolle, Gilles Wallez

- Junio 21 : Taradeau (ĉe Pascal Vilain)
- Oktobro 18 : Marseille (ĉe Thierry Spanjaard)

## Instruado

### *kursoj*

- Fréjus-Saint-Raphaël: unufoje semajne por praktikantoj (Jean Claude Roget) + ĉiulunde por komencantoj (Christine Graissaguel)
- Draguignan (subgrupo de la klubo Fréjus): unufoje semajne por komencantoj (Jean-Claude Roget) – la kurso

ne plu aktivas fine de la jaro.

- Le Beausset: sabate matene – 1a kaj 2a niveloj
- La Ciotat
- Marseille
- Avignon
- Manosque: Esperanto-kursoj kun klasoj (CM1) en Sainte-Tulle, kadre de la TAPS (« Temps d'activités péri-scolaires)

### *staĝoj*

- Marto 7/14 - Les Issambres (83) : Mediteranea Esperanto-Semajno
- Novembro 28/29 – Le Beausset (83) : Kultura Semajnfino (kursoj gviditaj de Nicole Lafitte, Renée Triolle, Patrick Lagrange kaj Daniel Moirand).

### *ekzamenoj*

Junio 14 – Marseille: FEI-ekzameno 1a-grada. Sukcese partoprenis 3 kandidatoj.

## Informado – komunikado

- E.K.E.M. (Manosque - 04): deĵorado en la Domo de la Asocioj la unuan kaj trian sabatojn, ĉiumonate dum la tuta tago ekde la 9a45.
- Aprilo 2 – en Marsejlo (13): prelego pri Esperanto okaze de la lanĉo de « Lingva Kafejo », kie Esperanto estas regule parolata, ĉiumonate, la unuan ĵaŭdon ekde la 18a. (« Équitable Café – 54 cours Julien, 13006 Marseille)
- Majo 11 – radio-elsendo pri Esperanto ĉe « Radio Dialogue » (Marseille, Aubagne, Aix…), okaze de la ĉiusemajna magazino « Morgaŭ la Tero ». Temo: « Esperanto, ĉu lingvo de paco aŭ nur komunikilo ? », kun partopreno de Jeanine Ratouchniak kaj Thierry Spanjaard.
- Majo 27/31 – Marseille (13): Esperanto-Semajno. Multaj programeroj proponitaj al la ne-esperantista publiko.
- Junio 27 - Manosque (04): « Manosque à l'Asso » : Partopreno de E.K.E.M.
- Septembro 6 - Fréjus: « Forumo de la asocioj »
- Septembro 6 – Marseille (13): « Forumo de la asocioj »
- Septembro 12 – La Ciotat (13): « Forumo de la asocioj »
- Septembro 12 – Le Beausset (83): « Forumo de la asocioj »
- Septembro 12 – Le Castellet – Sainte-Anne d'Evenos
- Septembro 26 – Manosque (04): « Journée Porte ouverte sur l'espéranto » kadre de « Journée Européenne des Langues »; partopreno de E.K.E.M.
- Oktobro 15 – Montfavet (84): prelego de Thierry Saladin pri « L'Union Européenne et les langues : mythes et réalités ».

## Klubaj eventoj

- Januaro15 - Avinjono (84): reĝkuka festo
- Januaro 18 - Fréjus – Saint-Raphaël (83): reĝkuka festo + membro-kunveno
- Januaro : La Ciotat (13): regkuka festo + membro-kunveno
- Marto 24 - Marsejlo (13): prelego de Aleksandro Melnikov (ruso) pri « Eterna Rusio : nigra-blanka ĉielarko ».
- Marto 25 – La Ciotat (13): Aleksandro Melnikov
- Marto 25 - Le Beausset (83): A. Melnikov vizitis la turismoficejon.
- Marto 31 - Marsejlo (13): prelego de Firdaùs kaj Tatiana Choukourov (getaĝikoj) pri « Taĝikio, hieraŭ kaj hodiaŭ ».
- Marto - La Ciotat (13): prelego de F. kaj T. Choukourov
- Marto - Le Beausset (83): F. kaj T. Choukourov vizitis la turismoficejon.
- Majo 24 - Fréjus/Saint-Raphaël (83): tradicia printempa pikniko de la loka klubo
- Majo 27/31 – Marseille (13): Esperanto-Semajno.
- Junio 21 – Avignon (84): tradicia pikniko en Saint-Antoine, vilaĝeto de la urbo L'Isle-sur-la-Sorgue.
- Junio 28 - Fréjus/Saint-Raphaël (83): komuna manĝado kaj distra posttagmezo en Les Issambres
- Novembro 5 – Avignon (84): Ĝenerala kunsido de KECA
- Decembro 8 - Marseille (13): oficiala enmanigo de la diplomoj al la tri sukcesintoj de la junia FEI-ekzameno ;

samtempa celebrado de la Deklaracio de la Homaj Rajtoj kaj de la datreveno de la Zamenhof-naskiĝo.

- Decembro 12 - Fréjus/Saint-Raphaël (83): Zamenhof-tago
- Decembro 13 – Avignon (84): Zamenhof-tago kun prelego de Mari-Roza kaj Pascal Vilain pri « Amikejo, la forgesita lando », sekvata de teatra spektaklo.

## Movadaj eventoj

- Majo – Kvinpetalo (Bouresse): « staĝo pri ĉiĉeronado »; partoprenis Nicole Lafitte kaj Pierre Oliva
- Majo 15 – Neufchâtel (Svisio): « Tria Tutmonda Kolokvo pri instruado de Esperanto » – Monika Arnaud prezentis la libreton « Rakonto pri tarofolioj », verkitan de afrikanoj dum la ILEI-Konferenco en Porto Novo (Benino – 2008)
- Julio 17/25 : « 48-a ILEI-konferenco » en Ostendo (Belgio). Partoprenis Monika Arnaud
- Julio 25 – Aŭgusto 1: « 100-a Universala Kongreso de UEA » en Lillo.
- Partoprenis kaj helpis multaj federacianoj.
- Oktobro 3/10: « 23-a Internacia Semajno de la kulturo kaj turismo » en Rosas (Hispanio). Partoprenis Monique kaj Laurent Prezioso.

## Kulturaj eventoj

- Januaro 15 - Taradeau (83) : « Urbestraraj bondeziroj al la vilaĝloĝantaro », en kiu Pascal Vilain oficiale transdonis la la urbestro la ateston « Esperanto-vilaĝo »
- Januaro 22 - Avinjono (84) : partopreno de Avignon-Espéranto en « Les petits plats du monde », tagmanĝo proponita de la centro ESC Croix-des-Oiseaux, laŭ la temo « Supoj de la Mondo ».
- Februaro 21 - La Ciotat (13) : « Journée Mondiale de la Langue Maternelle » : amika kaj internacia kunveno en La Ciotat (Grand Portique)
- Marto 26 - Avinjono (84) : partopreno de Avignon-Espéranto en « Les petits plats du monde », laŭ la temo « Manĝaĵoj el Reunio ».
- Aprilo 16/19 - La Ciotat (13) : « Festivalo de dividita poezio » ; partopreno de Renée Triolle
- Majo 27 - Parizo (75) : « Omaĝo al Jean Zay » kun partopreno de Monika Arnaud
- Junio 4 - Avinjono (84) : partopreno de Avignon-Espéranto en « Les petits plats du monde », laŭ la temo « Afrika kuirarto ».
- Junio 6 - Manosque (04) : « akcepto de la novaj Manosque-anoj » ; partopreno de EKEM
- Junio 24 - La Ciotat (13) : « Alternatiba » kan partopreno de esperantistoj el La Ciotat
- Junio 28 - Gap (05) : « Fête de la Paix »
- Septembro 12/13 - Embrun (05) : « Foire Génépi »
- Septembro 24/28 - Manosque (04) : « Correspondances de Manosque » ; partopreno de EKEM
- Novembro 3/19 - Parizo (75) : « 38ème Conférence Générale de l'UNESCO » ; partopreno de Renée Triolle, por UEA, kaj de Monika Arnaud, por ILEI.
- Novembro 17/28 - Manosque (04) : « Semaine de la Solidarité » ; partopreno de EKEM

## Diversaj novaĵoj

- forpasoj : Madeleine Delagneau kaj la edzo de Nina Gouriou.
- Franz Mimmersheim modernigis la aspekton de nia TTT-ejo kaj faciligis la enigon de artilokoj en la diversajn rubrikojn.
- Marto ĝis Septembro: Alain Rémy denove biciklis tra Eŭropo kaj renkontis multajn esperantistojn el diversaj landoj. Eblis sekvi liajn aventurojn sur lia blogo dediĉita al tiu vojaĝo.
- Artikolo de Thierry Spanjaard pri naturismo aperis en la aprila numero de Monato.
- Anita Collomb kaj Pascal Vilain partoprenis en poezia konkurso : « Poezio el ĉiuj ĉieloj ».
- Iliaj poemoj aperis en la dua antologio de la konkurso.
- artaj ekspozicioj kun artaĵtitoloj aŭ poemoj en Esperanto, proponitaj en Parizo (75) de Bernard Briançon, ano de la klubo de Le Beausset, kaj en Valbonne (06) de Pascal Vilain.
- Nicole Lafitte kaj Pierre Oliva iĝis membroj de la komitato de « Espéranto-Info ».

### Venontaj okazaĵoj

- Marto 5/12 – Les Issambres (83) : Mediteranea Esperanto-Semajno
- Majo 5/8 – Marseille (13) : Nacia UFE-kongreso ; kadre de ĝi okazos la Membro-Kunveno de nia federacio.

*Raportas Pascal Vilain*

## 5.11. Fédération Espéranto-Rhône-Alpes (Rodanalpoj)

Douze associations prennent part à la fédération pour l'année 2015 : Bourg-en-Bresse, Espéranto 38 et Espéranto Grenoble, Saint-Étienne, Nova Stelo (Valence), Bona Stelo (Romans), Centre Espéranto de la Région Lyonnaise, Espéranto Vive (Chambéry), Albertville Espéranto, Tarenteza Esperanto (Moûtiers), Espéranto 74 (Annecy) et un nouveau groupe informel se rencontre sur Aix-les-Bains. On note dans plusieurs associations un non renouvellement des membres et donc un vieillissement avec le sentiment que certains groupes pourraient disparaître.

### Action fédérale en 2015

Le congrès de Lille a fortement marqué cette année. Ainsi il n'y a pas eu de congrès régional en 2015 ; l'assemblée générale s'est tenu à Lyon au KoToPo le samedi 16 mai et le conseil d'administration s'est réuni une deuxième fois le 3 octobre à Fontaine près de Grenoble. Pour 2016 un congrès régional n'est pas annoncé faute de volontaire pour l'accueillir.

#### *Congrès de Lille*

Une grand nombre d'espérantistes de la région ont participé à un titre ou à un autre, en tant que volontaire bénévole à Lille avant et durant le congrès. Cet engagement de beaucoup a du coup limité un certain nombre d'actions locales.

#### *Soutien d'un espérantiste béninois pour venir à Lille*

La fédération a organisé et coordonné la collecte de fonds pour faire venir Latifou Gbadamassi, espérantiste béninois, au congrès de Lille. La collecte s'est étendue largement au delà de la région et nous avons pu récolté 1410€ contre une dépense de 2949€. M. Gbadamassi a été gravement malade et a été hospitalisé pendant le congrès ce qui a créé des dépenses supplémentaires. Il n'a pas pu rembourser la différence comme il devait le faire, mais il s'est engagé à le faire selon ses possibilité à partir du début de 2016.

Que tous les donateurs soient profondément remerciés pour avoir permis à l'Afrique d'être mieux représentée au congrès de Lille.

#### *Formation et stages*

La fédération soutient ou organise des stages de formation, seulement un cette année, contre trois habituellement à cause du congrès : un stage avec trois niveaux en janvier organisé par le CERL ; Par ailleurs à l'initiative d'Espéranto 38 un stage de chant a été organisé à Grenoble en vue du congrès de Lille avec FaMo.

#### *Soutien à JEFO pour la diffusion des petit calendriers.*

Comme chaque année la fédération a soutenu JEFO pour l'édition des petits calendriers. L'assemblée a cependant demandé un retour de JEFO par rapport au bilan financier de cette opération.

#### *Site Internet*

Une discussion a eu lieu à propos de la maintenance et de l'évolution du site Internet. Philippe Pellicier le président a lancé une enquête pour connaître le souhait des membres de la fédération. La synthèse est que la fédération doit avoir un site internet qui serve de vitrine pour l'espéranto dans la région et qui soit aussi un lien entre les espérantistes en Rhône-Alpes.

Un débat a porté sur la question de savoir si chaque association doit avoir son propre site ou s'il ne faut pas plutôt privilégier un site régional commun et vivant. La réponse semble se situer quelque part entre ces deux extrémités...

Le site devrait évoluer vers une version plus collaborative pour permettre à chacun de l'alimenter par les informations qui le concernent sans que cela passe nécessairement par un administrateur. Cela n'empêche en rien la médiation avant publication. Néanmoins le temps disponible étant limité et les volontaires peu nombreux, le projet prendra un certain temps à voir le jour.

### Actions marquantes dans les associations

Le but n'est pas ici de faire un compte-rendu de l'activité de chaque association mais de souligner les faits marquants. C'est pourquoi la liste suivant n'est absolument pas exhaustive :

- Espéranto Vive a développe depuis deux années un jumelage avec Turin. Les Italiens sont venus à Chambéry en mai et en décembre à l'occasion de la journée Zamenhof, des français de Savoie et de Grenoble se sont rendus à Turin pour un week-end de rencontre ;
- Espéranto 38 prend part régulièrement à plusieurs manifestations sur l'agglomération grenobloise et notamment à la rencontre « Alternatiba » ; par ailleurs l'association a œuvré pour que devant le funérarium de Grenoble aux côtés des autres langues, le premier article de la déclaration des droits de l'homme soit gravé sur la pierre en espéranto ;
- l'association de Saint-Étienne a participé au « Festival curieux voyageurs » et a présenté un diaporama pour présenter l'espéranto à travers le voyage ;
- l'association de Bourg-en-Bresse a organisé en juillet un stage international avec les « écoles alternatives de Corée » qui a réunit pendant quatre jours 13 coréens du sud, 1 géorgienne, 5 chinois et 12 français sur le thème général des « alternatives » dans des domaines très différents commes les échanges, la nourriture, les jeux... Une réception a eu lieu à l'hôtel de ville et une manifestation au pied de l'arbre de la paix ; l'association a aussi organisé un concert solidaire le 5 décembre permettant de collecter de l'argent pour une association népalaise ;
- le CERL a exposé dans un local de la gare de Perrache l'exposition sur la première mondial et l'espéranto ; il participe à un grand nombre de manifestations consacrées à des thèmes touchant aux langues et aux cultures, dans le but de faire connaître l'espéranto ;
- Dans la région plusieurs personnes interviennent dans le cadre des TAP (Temps d'Activité Périscolaire) dans les écoles primaires ; la demande est là à certains endroits, mais les bras manquent pour y répondre ;
- le groupe Saint-Étienne est intervenu dans le cadre du service civique et noue des liens avec des responsables d'Uniscité, l'organisme qui gère le service civique, en vue d'introduire l'espéranto dans les parcours du service civique sur toute la région ;
- Sites internet : certaines associations ont leur propre site Internet mais toutes n'en ont pas les moyens ; Bourg-en-Bresse https://esperantobourgenbresse.wordpress.com/ et Chambéry https://esperantovive.wordpress.com/ ont fait le choix de sites Internet ou plutôt de blogs, qui se veulent vivants et réactifs.

*Raportas Philippe Pellicier*

## 5.12 Association Espéranto-Limousin

Espéranto-Limousin ne estas regiona asocio oficiala membro de Espéranto-France laŭ la interna reglularo. Tamen tiu asocio bonvolis sendi sian agadraporton. Ni omaĝas sian dinamismon kaj kunlaboremon.

### Kursoj

- Pereteja kurso por tri infanoj: 7, 11, 12. fare de Carole Landais.
- En Limoĝo: 3 komencantoj ĝis junio, ekde septembro 2015: 5 novaj sed nur du finfine daŭrigas nun – fare de Pjer Tell Bouvier.
- En Saint-Junien: 2 lernantoj – fare de Christian Doucelin.
- En Tulle: kelkaj malregulaj lernantoj – fare de Clair Mahé.
- En Brive 7 lernantoj - fare de Lucia Unia aŭ Gilles Tabard.

- En Bujaleuf ekde novembro 4-5 lernantoj – fare de Christian Lavarenne.

### Agadoj

- Babilkunvenoj, t. e. lastvendrede de ĉiu monato vesperkunmanĝado kaj en Esperanta babilado. Lucia petas, ke oni avertas la Korezanojn.
- Plua eldono de nia trimonata bulteno: Babilemo sen Limoj.
- Kelkaj partoprenoj en « Café des langues » en Limoĝo: sed la loko estas tro malvasta kaj la etoso tro brua.
- Gastigado de 2 Taĝikanoj, kiuj prelegis en Limoĝo (87) proksimume 40 ĉeestantoj el kiuj duono da rusparolantoj. Notinde, ke ambaŭ la rusa kaj la franca lingvo estis uzitaj por traduki al la publiko.
- KantStaĝo kun la kompanoj en la centro « La Loutre », por sintrejni antaŭ la kantadoj surcenaj kaj surstrataj dum la 100a U.K. en Lille.
- Kvara organizo de sesio de UEA KER-ekzameno en Limoĝo, 1 kandidato por B1 skriba + 3 kandidatoj B1 + 3 B2, parola kaj skriba. (juin 2015).
- Vojaĝo al Rumanujo, kaj dektaga vizito surloke kun Rodica Todor.
- Renkonto en « La petite fabrique solidaire » en Uzerche por la diversaj sekcioj de Limoges (87), Bujaleuf (23), Tulle kaj Brive (19).
- Partopreno en sciencofesto en La Porcherie 87.
- Naŭ membroj de Esperanto-Limousin partoprenis en la 100 U.K. en Lille, tri multe helpis la lokaj organizantoj, du aliaj aktoris en la nacia spektaklo. Pjer Tell Buvje prezentis dum la Esperantologia sesio afiŝon titoligitan : *La perdita ŝlosilo* [temas pri komparo inter ŝajna derivado kaj la Fundamenta vortkonstruo].
- Aŭgusta kaj Ukpostkongresa renkonto en Pomarbo kun ĉeesto de du amikaj japanoj.
- Partopreno en ekologiaj festoj en Brive kaj Tulle.
- Partopreno al la Alternatiba festo la 13an de septembro 2015. Multaj paneloj en la vilaĝo estis dulingvaj Esperanto-Français. Prezentoj de Eo per kvar 20-minutaj prelegetoj.
- Partopreno en labora semajnfino por plibonigi la kastelon de Grésillon.
- Zamenhoffesto ĉe Denise kun mirinda fizika esperimento de Bernard Guillien kaj projekcio de la filmeto « La Teo kiu venigas amatinon ».
- Partopreno de Lucia en Interkant'.

*Raportas Pierre Bouvier*

# 6. Jarraportoj de la fakaj asocioj

## 6.1. Espéranto-Jeunes (JEFO)

### Nova estraro

Fine de septembro 2014 elektiĝis nova estraro. Ĝi konsistas el:

- Quentin Weber-Seban: Prezidanto
- Kévin Morel-Fourrier: Vicprezidanto por kongresoj kaj reprezentanto al UFE
- Jérémie Bert: Sekretario
- Laetitia Bert: Kasisto
- Pierre Vittet: TEJO-Komitatano A

Aldone, Julia Hédoux estas reprezantanto de UFE ĉe JEFO. Ĉiuj estraranoj estas komitatanoj, kune kun Meva Cuenot.

### Informado kaj komunikado

Kunlabore kun UFE, JEFO daŭrigis sian sukcesan eldonadon de kalendaretoj. Tiuj kalendaretoj ankaŭ enhavas informojn pri esperanto kaj unu bildon. Ili estas senpage disdonitaj dum grandaj kunvenoj - Fête de l'Huma, Salon




Expolangues, ekzemple - kaj same senpage senditaj al mendantoj. Eblas donaci monon al JEFO pro tiuj kalendaretoj - tio helpas nin daŭrigi tiun gravan iniciaton.

### Aranĝoj organizitaj de JEFO

Pro organizo de UK en Lille, FESTO ne okazis ĉi-jare. JEFO-anoj tamen helpis dum la Universala Kongreso, inter alie kunorganizante prezenton de la ĵus finitan Grundtvig-projekton.

Post la somero, Kévin Morel-Fourrier sin proponis por organizi FESTO-n en Bretonio.

### Eksterlandaj aranĝoj

Komitatanoj kaj JEFO-membroj denove partoprenis gravajn renkontiĝojn en 2015: IJF en Brusson (Italio) en aprilo (inter alie kadre de la Grundtvig-seminario tie okazanta) kaj IJK en Wiesbaden en aŭgusto. Tiu ebligas reprezentadon de JEFO ene de la movado kaj varbadon de novaj francaj membroj.

### Grundtvig projekto

JEFO partoprenis Grundtvig-projekton, kadre de la eŭropa programo pri tutviva edukado kaj trejnado, kune kun Nederlanda Esperanto-Junularo, Esperanto-Asocio de Skotlando, Federacio EDE, Pola Esperanto-Junularo kaj ARCI Esperanto. La temo estas: « Volontulado kiel persona pluevoluiĝo: kiel pliboniĝi? » Ĝi celas plispertigi kaj pliprofesiigi junajn aktivulojn kaj per trejnado kaj per interŝanĝo de bonaj trejnadpraktikoj inter la partoprenantaj organizoj. La ĉefa celo de la projekto enkadriĝas en la agadkampoj Kapabligo kaj  Aktivula Trejnado, internacinivele antaŭenigataj de UEA kaj TEJO. Danke al la ricevita subvencio, JEFO povis ebligi siajn membrojn senpage partopreni trejnadojn, ekzemple pri negocado, merkatado aŭ financa mastrumado.

La projekto finiĝis je la 31a de julio 2015 kaj en oktobro, la fina raporto de JEFO estis aprobita.

### Retpaĝaro kaj dissendolistoj

La retpaĝaro de JEFO estis ĝisdatigita kun novaj informoj interalie pri la diversaj renkontiĝoj kaj pri nia projektoj. Vizitu nin: http://esperanto-jeunes.org/.

### Pluevoluiĝo de JEFO

JEFO perdis multe da membroj – aktivaj kaj neaktivaj – en la pasintaj jaroj. Dum la du lastaj jaroj, la membraro stabiliĝis. Tamen restas grava problemo: manko da homfortoj.

Ni konscias pri la multaj defioj antaŭ kiuj ni staras, sed ni ankaŭ salutas la novajn membrojn kaj daŭrigos niajn klopodojn, pliaktivigi nian asocion.

*Raportas Quentin Weber-Seban*

## 6.2. Groupe des enseignants espérantophones (GEE)

Ĝenerala kunveno okazis en Lille okaze de la UK la 31an de julio.

• Enketo pri la instruantoj, kiuj profitis la eblecon pere de TAP aŭ NAP (Novaj Lernejaj ritmoj) por instrui Esperanton en la bazlernejoj : Preskaù 15 kolegoj respondis al tiu enketo kaj pli ol 10 instruas al diversaj grupoj, ĉu la tutan jaron ĉu dum kelkaj semajnoj inter du feriaj semajnoj.

• Partopreno en la "Tria Tutmonda Konferenco pri instruado de Esperanto", organizita de Mirejo Grosjean en la Kantono de Neuchâtel en Svisio de la 13a ĝis la 16a de majo.

• Partopreno en la ILEI Konferenco en Ostendo en Belgio la tutan semajnon antaù la UK en Lille.

• "Du GEE-anoj reprezentis je ILEI  kaj du aliaj GEE-anoj je UEA  okaze de la 38-a Ĝenerala Konferenco de UNESKO

en Parizo en nov 2015. Pri tiu lasta temo, GEE-anoj ĝisdatigas la antaŭan flugfolion kaj serĉas tradukantojn al la 6 oficialaj lingvoj de UNESKO. En 2015 GEE sukcesis trovi 8 pliajn kaj decidas pri la dispartigo laŭ la lingvoj kaj ties presigo.

*Raportas Michel Dechy*

## 6.3. Franca Katolika Esperanto-Asocio (FKEA)

FKEA! Daŭre en komato… Tamen aperis juna nova membro, promesplena espero! Dum la UK en Lille, okazis (unuan sabaton, poste dimanĉon) 2 mesoj en esperanto (la duan malpli en esperanto, ĉar kun lokaj parokanoj) kaj ĝenerala asembleo.

Kiel antaŭaj jaroj, FKEA havis budon en la 90aj « Semaines Sociales de France » kiuj okazis en Unesko (la 2an, 3an kaj 4an de oktobro 2015.) Tie, kun Joseph (Sironge Chirimwami), Vincent (Peignez) kaj Marie-Thérèse (Marin), ni ne multe fiŝkaptis. Sed, almenaŭ Esperanto estis tre videbla por la kelkmiloj da vizitantoj (« Ho! Do ne mortis... ĉu disvolviĝas? » ktp. kiel kutime).

Sed ankaŭ multaj laborantoj en Unesko vidis nin, eĉ kunvenintaj por prelegoj pri multlingvismo: 3 Ĉinoj interesiĝis, unu junulino sekvis la venintan staĝon (la 17-an kaj la 18-an de oktobro). Sufiĉe multaj dokumentoj disdonitis, krom flugfolioj kaj kalendaretoj: precipe pri raporto de François Grin (konkludoj, artikoloj pri Figaro) kaj rekomendado de Unesko. La temo estis: « Religions et cultures, ressources pour imaginer le monde ». Inter aliaj: COP 21, ekologio, encikliko « Laudato si », la unua sen latina titolo sed itala: bonŝance ne angla!

Ŝajnas al mi, ke tre profitdonaj estus rilatoj inter Esperanto-France (eĉ UEA) kaj la asocio « Coexister »: tiuj junuloj malkovrus intereson de esperanto kaj JEFO povus mirinde apogi ilin. Jam Victor Simonnet aktive ĉeestis en « Semaines Sociales », FKEA, Coexister, Esperanto-France. Ni diskonigu ĉiuflanken!

Nun oni atendas, ke ekfunkciu la nova prezidanto, ĉar aperis malfacilaĵoj pri la « déclaration en préfecture ».

*Raportas Michèle Abada-Simon*

## 6.4. Fédération espérantiste du travail (FET)

Pri la agado de FET, ĝi estis samspeca kiel antaŭa jaro, tio estas ke ni organizis budeton dum la homarfesto, pruntante loketon sub la tendo de la 76a federacio kontraŭ eta monsumo. Ĉi-jare pluvegis dum la festo do evidente la videblo estis malpli bona ol kutime. Ankoraŭ mankis homfortoj, por deĵori dum la festo sed ankaŭ por transporti la materialon...

*Raportas Flora Markov*